22ª Jaro - Nº 4 (230) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Aprilo 1936

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908ª

DIREKTORO :
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA



Por adresoj kaj informoj vidu la lastan paĝon.

ANTAŬ LA ELEKTADOJ

## La Esperantistoj voĉdonu por Esperantemuloj

La Reĝa Belga Ligo Esperantista estas laŭstatute neŭtra en ĉiuj politikaj kaj religiaj demandoj. Ankaŭ ĝia organo devas tia resti.

Ni tamen kredas, ke ni ne deflankiĝas de nia neŭtraleco absoluta, se ni hodiaŭ, en nia ĉiumonata prediketo, parolas pri la proksimaj ĝeneralaj elektadoj.

Je la ekzakta momento, kiam tiu ĉi numero aperis, ĉiuj membroj de niaj ambaŭ Ĉambroj, ricevis de nia Ligo beletan leteron, en kiu ĝi al ĉiu Parlementano, kiu havas la intencon sin prezenti por nova leĝdona periodo, individue demandis kion li pensas pri nia afero.

Tiom da diversaj kategorioj de personoj kaj interesuloj sin turnas al tiuj homoj kaj ricevas promesojn. Kial ni ankaŭ ne demandu promeson.

*Promeso ne multe valoras !* Malbonhumora homo eĉ aldonus : *precipe ne promeso de politikisto*. Sed ni ne estu malbonhumoraj homoj.

Ni diru al ni, ke se promesoj ne multe valoras, por la tuja estonteco kaj la tuja efektivigo de nia idealo, ili tamen povas esti utilaj, se ni kapablas grupigi iamaniere tiujn, kiuj iam ion promesis al ni.

En diversaj parlamentoj jam ekzistas grupetoj de Esperantemaj deputitoj, kiuj, se leĝpropono estas antaŭmetata al ili, tamen ne plu kapablos voĉdoni kontraŭ ĝi.

Kaj staras ekster ĉiu dubo, ke, se ni volas akiri kelkajn tiajn promesojn, la plej bona momento estas tiu antaŭ la elektadoj.

Sed se ni skribas al tiuj homoj, kaj se ni esperas en la fidindeco de iliaj eventualaj promesoj, ni Esperantistoj devas ankaŭ firme decidi, ke ni subtenos tiujn, kiuj promesas nin helpi.

Tion ni povas, se, en la listo de la partio por kiu ni volas voĉdoni, ni donas preferan voĉesprimon al tiu, kiu estos promesinta al ni sian helpon.

Al la parlamentanoj ni demandas :

1. Ĉu vi estas favora al la ideo de Esperanto, kiel helplingvo internacia ?

2. Ĉu vi, ĉe renovigo de via mandato, promesas helpi al la akceptigo de leĝpropono, kiu antaŭvidos la enkondukon de Esperanto en la lernejojn ?

La nomoj de tiuj parlamentanoj, kiuj faros jesan respondon al tiuj du demandoj, aperos en « Belga Esperantisto », kelkajn tagojn antaŭ la elektadoj.

Ni tion promesis al ili. Ni tion faros.

Kaj ni esperas, ke ĉiuj Esperantistoj ĉiamaniere subtenos nin en tiu klopodo por ion efektivigi en la oficialaj rondoj.

Tiuj, kiuj konas parlamentanojn, estas petataj tuj skribi al ili, esprimante la esperon, ke ili bonvolos respondi jese al la demandaro.

Tiuj, kiuj estos donintaj preferan voĉon al iu Esperantema kandidato, estas petataj tion skribe sciigi, la tagon mem de la elektadoj, al la kandidato, tiel ke li vidu, almenaŭ per kelkaj leteroj, ke Esperanto vivas kaj ke Esperanto povas esti utila eĉ al Parlamentano.

Nur kunlaborante tiele kaj farante bruon ĉirkaŭ ni, ni iam ekvekos la oficialulojn, kies subtenon ni tamen bezonas.

MAUR. JAUMOTTE.

---

### ATENTU : la Februara Numero !

**Pro eraro en la forsendo de la Februara Numero, kelkaj dekoj inter niaj membroj ricevis DU ekzemplerojn anstataŭ unu. La sekvo estas. ke en la ekspedejo ni ne plu posedas eĉ UNU numeron, por la nov-abonantoj.**

**Ni petas la personojn. kiuj ne konservas sian numeron ĝin sendi al Avenuo De Bruyn, 44, Wilrijck.**

**Kun kora danko. LA DIREKTORO.**

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## KOMITATA KUNSIDO.

Kunveno de la Komitato okazos en « Brasserie du Sac », Granda Placo, Bruselo, Dimanĉon, la 19-an de Aprilo, je la 10-a.

## XXVa Belga Kongreso de Esperanto

### La Louvière 30-31a Majo- 1a Junio 1936

Sub la Honora Prezidanteco de S-ro VICTOR GHISLAIN, urbestro de la Louvière, kaj la Patroneco de la « Komerca kaj Industria Ĉambro de la Centra Regiono

*8-a INFORMBULTENO.*

1) Ni estas 111 aliĝintoj, loĝantaj dise ĉie en Belgujo kaj eĉ en la eksterlando. (Bruĝo kaj La Louvière 17, Bruselo kaj Antverpeno 14, Gento, 12, Braine-le-Comte 6, k. t. p.) kaj la antaŭlaboroj estas finitaj. Nia faldfolio baldaŭ ekaperos kaj multaj amikoj povos plenumi siajn promesojn. Antaŭen, ĝis 200.—

2) Nia glumarko ricevis grandan sukceson. Sed, ni fabrikigis de ĝi 25000 ekzemplerojn, kaj ni ankoraŭ havas.... Sendu 5 f-ojn al nia poŝtĉekkonto 111.910 kaj vi ricevos 100 ekzemplerojn.

3) Jen la programo de nia XXV-a.

### Programo.

**Sabaton, 30-an de Majo.**

| | |
|---|---|
| 14.00 h. | Malfermo de la akceptejo en «Brasserie Centrale», Drapeau blanc. Vizito al la ekspozicio de esperantajoj. |
| 15.00 h. | Ekzameno pri profesora kapableco en la ŝtata mezgrada lernejo por knaboj, rue du Temple (Kandidatoj sendu sian enskribon al la ĝenerala sekretario de B. L. E. kaj la ekzamenkotizon 50 fr. al la poŝtĉekkonto No 133.767 — B. L. E. Wilrijck — Vizito de la urbo gvidata de Turisma Federacio. |
| 20.30 h. | Laborkunsido de Belga Ligo Esperantista en la grupejo. Poste — Intima kaj interkontiĝa vespero en la grupejo. |

**Dimanĉon, 31-an de Majo.**

| | |
|---|---|
| 9.00 h. | Por katolikoj : Diservo en la preĝejo « Sankta Jozefo », Placo Maugretout — Prediko en Esperanto. |
| | OFICIALA PARTO : |
| 9.45 h. | Kunveno sur la komunuma Placo, antaŭ la Urbdomo. |
| 10.00 h. | Oficiala akcepto de la urbestraro. |
| | Fotografado sur la ŝtuparo de la Urbdomo. |
| 11.30 h. | Kongresa kunsido, Ĝenerala kunveno de B. L. E. kaj de U. E. A. belga teritorio, en la salonego « Placo Jules Mansart. |
| 13.30 h. | Festeno en la salonego de la hotelo « Excelsior »— strato Albert I-a. |
| | ATENTU : de la 14 h. ĝis la 15 h la festeno estos disradiigata pere de la radio-stacio Wallonie — Bonne-Espérance. |
| 16.00 h. | Forveturo per specialaj tramoj al Binche, la urbo de la famaj Karnaval-festoj, sub la gvido de la Turisma federacio. Vizito de la remparoj kaj de la malnova urbdomo. Akcepto de la Turisma Sindikato. |
| 18.30 h. | Reveno al La Louvière. |
| 20.30 h. | En la salonegoj « Palaco » : Prelego de blinda samideano, dancoj, kantoj, teatrajo, k. t. p. Poste. Grandioza balo kun bonega orkestro — Specialaj dancnumeroj — Malvarma bufedo. |

**Lundon, de 1-an de Junio.**

| | |
|---|---|
| 9.00 h. | Foriro, piede, al Houdeng-Gœgnies. Vizito de la ŝiplevigilo speciale funkciigota je nia intenco. Vizito de vitrofabrikejo. Reveno al La Louvière. |
| 12.00 h. | Komuna tagmanĝo — (ejo indikota poste). |
| 14.00 h. | Forveturo al Mariemont per specialaj tramoj. Vizito de la Muzeo, gvidata de S-ro muzeestro. Vizito de la mirinda parko. Poste : Libervolaj promenadoj kaj amuzaĵoj. |
| 17.00 h. | Foriro de Mariemont per specialaj tramoj — reveno al La Louvière kaj disiĝo. |

### Oka Listo :

| | | |
|---|---|---|
| 89. | F-ino Marguerite Huyghe, | Bruĝo. |
| 90. | S-ro Gustaaf Derese, | Gento. |
| 91. | S-ino Gustaaf Derese, | Gento. |
| 92. | S-ro Emile Dubray, | Braine-le-Comte. |
| 93. | S-ino Emile Dubray, | » » |
| 94. | S-ro Jérôme Moeykens, | » » |
| 95. | S-ino Jérôme Moeykens, | » » |
| 96. | S-ro Louis François, | » » |
| 97. | S-ino Louis François, | » » |
| 98. | S-ro Marc Delforge, | Charleroi. |
| 99. | S-ro J. De Maeyer, | Nivelles. |
| 100. | S-ro Emile Boone, | Mouscron. |
| 101. | S-ino Emile Boone, | » |
| 102. | S-ro Charles Decoster, | Bruĝo. |
| 103. | S-ro Vital Jéhansart | » |
| 104. | S-ino Savinie Jéhansart, | » |
| 105. | S-ro Swinne, | Bruselo. |
| 106. | S-ro Paul Nyssens, | Bruselo. |
| 107. | F-ino Marg. Nyssens, | » |
| 108. | S-ro Paul Blaise, | Morden (Anglujo). |
| 109. | F-ino Suzanne Guiot, | Gento. |
| 110. | S-ro Randour Edouard, | Fayt-lez-Manage. |
| 111. | S-ro Déposé Hector, | La Louvière. |

*La Loka Kongresa-Komitato.*

* *

Al la bela pozitiva rezultato, kiun la L. K. K. sciigas al ni, ni devas aldoni ke, se 111 aliĝintoj estas bela cifero, la dato de la Kongreso tamen ankaŭ jam alproksimiĝas.

Se ĝis nun, estis bela ago de bonvola kunhelpo aliĝi, nun iĝas vere devo.

Aliĝo pli malfrua, malfaciligas la aranĝojn.

Ni do insistas por ke ĉiuj, kiuj intencas iri al la Kongreso, tuj informu S-ron Tassin kaj liajn kunlaborantojn.

Tion dirinte, ni tamen, por ĝojigi ĉiujn niajn legantojn, konfesos, ke, por la Bruĝa Kongreso, kiu tiel bele sukcesis, la enskriboj, kiuj aperis en Belga Esperantisto de Aprilo nur atingis 60. En la numero de Majo iĝis 75... sed Junio jam diris 171...

Ni ne forgesu, ke tiun ĉi jaron, la 1-an de Junio ni.... jam adiaŭos La Louvière kaj rehejmiĝos, feliĉaj kaj gajaj pro la belaj tagoj, kiujn ni estos pasigintaj tie !

Ni do rapidu. M. J.

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 21 h. : kunsido laŭ indikita programo.

Sabaton, la 4-an de Aprilo, en « Witte Leeuw », vizito kaj parolado de la hungara literaturisto Baghy, kies Esperanto-verkojn ĉiu konas.

Sabaton, la 11-an, antaŭtagon de Pasko, intima kunsido.

Dimanĉon, la 12-an : infanfesto, se sufiĉe granda nombro estas en la urbo. Informojn donos la sekretario (Tel. 267.21).

Sabaton, la 18-an : Literatura Vespero, kun la kunlaboro de F-ino Jacobs kaj S-roj De Ketelaere kaj Vermuyten.

Sabaton, la 25-an : ATENTU ! *Markizina Moŝto ! GRANDA PRINTEMPA KABAREDVESPERO.*

Dimanĉon, la 26-an : Posttagmeza ekskurso al Sta. Anjo. Detalojn oni ricevos dum la kabaredvespero aŭ tel. 267.21.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59; KUNVENEJO : Katejo « Vlissinghe » Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

La 7-an, en la sidejo : Literatura parolado de hungara Esp. verkisto Baghy.

La 14-an, en la sidejo : Kanta Vespero, sub gvidado de Gesinjoroj Poupeye kaj F-ino Boereboom. Poŝtmarka borso.

La 21-an, en la kunvenejo : Korespondа Vespero, laŭ anonco en « La Praktiko ». Prezidos S-ro Poupeye.

La 28-an, en la kunvenejo : Parolado de S-ro Groverman, advokato, pri « Mortpuno ». Prezidos F-ino Vanden Berghe.

N. B. La grupa BIBLIOTEKO estas malfermita ĉiumarde, de la 19, 30-a ĝis la 20-a, en la grupa sidejo. Bibliotekistoj : S-roj Ch. kaj J. Decoster. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantajoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, k. t. p.

BRUSELO. — **«Esperantista Brusela Grupo».** — Kunvenejo: «Brasserie du Sac», Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30-a h.

Dimanĉon, la 5-an : Ekskurso al Woluwé, Putdael, Rouge-Cloître, Auderghem. Rendevuo je la 14 h. 30, Avenuo de Tervueren, Pont de Woluwé. Tramoj 29—31—39—40—41.

Lundon, la 6-an : Parolado de samideano Baghy, je la 20h.30

La 13-an : Paskan lundon. Ne okazos kunsido.

La 20-an : Sinjoro Castel organizos debaton.

La 27-an : Teatrajo.

GENTO. — **Genta Grupo « Esperantista ».** — Kunvenejo en la lernejo Nova Strato Sankta Petro N° 45 : ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

La 1-an de Aprilo : Parolado de F-ino Lycke pri «Abisinujo».

La 8-an : Vizito de S-ro Jules Baghy, la esperantista poeto el Budapeŝto. Literatura vespero, je la 7 1/2-a en « Hotelo Colombophile ».

La 9-an : Ĝenerala Kunveno je la 7 1/2-a vespere, ĉe S-ino De Ryck, 223, Kortrijkstrato. S-ino De Ryck priparolos la morton de D-ro Zamenhof.

La 15-an : Paska libertempo.

La 22-an : Parolado de S-ro A. Lödör : « Ĉu spiritismo estas nur ludilo ? »

La 29-an : Parolado de S-ino Criel : « La saneco de la infanoj ».

## Grupaj Raportoj :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Dimanĉon, la 23-an de Februaro okazis, posttagmeze, granda festo por la infanoj de la membroj. Tiuj venis multnombraj kaj kostumitaj. Sen speciala programo, tiu festo tamen iĝis unu el la plej bone sukcesintaj.

La 29-an de Februaro oni kartludis.

La 7-an de Marto, okazis granda Kabaredvespero. Je la komenco jam, la plej gaja atmosfero ekregis, kiam la « Verdaj Knaboj », sub la gvidado de verda Feino, S-ino Vander Veken-Van Bockel, ekkantis, sur la ario de « Madame la Marquise », la « Kanton de la Esperanto-Kabared, » :

Kontraŭ la Krizo, la malfervoro
Kaj la dormem' de Verda Stel'
Efikas nur la bonhumoro,
Jen ĝi fariĝu nia cel'.
Ne timu do, Sinjoro Prezidanto !
Troviĝis jam bona rimed' :
Se restas truo en monatprogramo,
Vin turnu al la Kabared' ;
Ĝi per deklam', humor' kaj kanto
Ĉiujn allogos al kunven' ;
Kaj tiel helpos al la propagando
La Esperanto-Kabared'.

Ni kompreneble ne, detale, povas rerakonti, tie ĉi, la tutan programon, kunmetitan de tiuj gajaj verd'uloj. Ni tamen diru, ke S-ino Faes-Janssens aŭdigis belajn piano-ariojn ; ke S-ro Wouters multe ridigis per siaj ne tro « verdaj » rakontoj; ke S-ro Ameryckx admirigis, unu fojon pli, sian belan voĉon; ke S-ro Vermuyten ree montris sian talenton de poeto kaj de deklamisto kaj ke, en la « Kolbasoj », S-ino Vander Veken, la aŭtorino, S-ino Ameryckx kaj S-roj Van der Veken kaj Ameryckx havis okazon por bone amuzi la publikon, ne forgesante sin-mem ! Kaj ni kompreneble ne forgesu la « speacker » S-ron Faes, diplomitan desegniston !

La Prezidanto, S-ro Jaumotte, dankis ĉiujn kaj speciale la animon de la Kabaredo, S-inon Van der Veken-Van Bockel.

La 14-an, S-ino Van der Veken paroladis pri « La Danco tra la Jarcentoj». Ŝi bone skizis la historion de tiu diina arto kaj agrabligis sian teorian priskribon per belaj diskoj. La parolado efektive okazis en la muzikvendejo de G-roj Faes.

S-ro Boffejon, vicprezidanto kiu anstataŭis la Prezidanton, forrestintan pro malsaneto, dankis la paroladistinon kaj la gegastigantojn.

BRUĜO. — **« Bruĝa Grupo Esperantista », Reĝa Societo.** — Post leciono por progresantoj gvidita de F-ino Yv. Thooris, okazis la 18-an de Februaro sukcesplena parolado de Leŭtenanto Marlé pri Renesanco en Italujo. Kvardek kvar ĉeestantoj gaje aplaŭdis tiun novan membron. S-ro Groothaert montris la bildojn, gratulis kaj dankis « sian varbiton ».

La 25-an, kvindek du membroj ĉeestis la neforgeseblan karnavalan vespermanĝon en « Vlissinghe ». Agrabligis la kunvenon la bongustaj kuniklajoj preparitaj de S-ino Jéhansart kaj la kuirista talento de Gesinjoroj De Vooght, kiuj faris rapidege dum la aliaj ilin manĝis, 550 bonegajn pufajn fritpastajojn. F-ino Hubrecht kaj S-ro Delcloo sin plej bele alivestis. Surprizoj bruegis dum la dancoj.

Tridek du membroj ĉeestis la kunvenon de la 3-a de marto. Unue, leciono sub gvidado de la grupa prezidantino, poste la Vicprezidanto S-ro Poupeye donis ĉiujn necesajn klarigojn pri Belga Esperantisto dum la membroj legis artikolojn. Multaj specialaj numeroj de Belga Esperantisto estis disdonataj, kun la peto ke ĉiuj bonvolu dissendi tiujn bonegajn propagandilojn al amikoj kaj konatuloj.

La 10-an, je la granda ĝojo de 39 ĉeestantoj S-ino Staes-Van de Voorde el Brusela Grupo vizitis la grupan kunvenon. Ŝi

# DU JAROJ JAM FORPASIS




Maldekstre: S-ro Jaumotte ; dekstre : S-ino Fr. Schoofs, S-ro Leono Schoofs kaj S-ino Kempeneers.

Kiel pasintan jaron, kiel eble proksime al la ekzakta datreveno de la grava funebro, kiu trafis la tutan belgan kaj internacian Esperanto-movadon, per la morto de S-ro Fr. Schoofs, la Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo » organizis Dimanĉon la 15an de Marto, en la enterigejo « Schoonselhof », intiman ceremonion sur la tombo de la bedaŭrata amiko.

Ĝin ĉeestis : la Prezidanto de la Reĝa Belga Ligo Esperantista, Sro Kempeneers ; la ĉefdelegito de U. E. A. S-ro Morris De Ketelaere ; la Administranto-Prezidanto de Belga-Esperanto-Instituto, S-ro Vermandere, kaj kompreneble ĉiuj gvidantoj de la Reĝa Antverpena Societo : S-ro Jaumotte, Administranto-Prezidanto ; Boffejon, vicprezidanto ; Faes, sekretario ; De Hondt, Bolsius, Sielens, Van Dijck, Van den Bossche, dum la familio de la formortinto estis reprezentata de nia bona samideanino S-ino Fr. Schoofs, S-ro Leono Schoofs, S-ro Theo Schoofs kaj diversaj parencoj.

La ceremonio mem estis tutsimpla. Post kiam ĉiuj estis amasiĝintaj ĉirkaŭ la tombo, S-ro Maur. Jaumotte, elparolis, meze de la plej profunda silento, proksimume la jenajn mallongajn vortojn :

« La Tempo kuracas ! La tempo estas la plej bona kuracisto ! diras proverbo, kiu ekzistas en preskaŭ ĉiuj lingvoj de la mondo. La universaleco de la ideo estas indiko por ni, ke ĝi enhavas grandan veraĵon. Kaj efektive, la vivo, kiu alportas al ni pli da batoj ol da feliĉajoj ne estus portebla por ni, se la mildiga Tempo ne iom post iom, forprenus de nia koro, la plej akran doloron.

« Speciale en la Esperantistaj rangoj, la Morto jam trafis multajn inter tiuj, kiuj plej aktive kunlaboris kun la bedaŭrata mortinto.

« Se la Tempo povas mildigi la ĉagrenon, tamen restas al ni la Memoro, la memoro pri tio, kion faris la mortinto dum sia vivo ; la memoro ankaŭ pri tio, kion li daŭras fari per la postvivo de lia ekzemplo.

« Kaj tre certe, memorante pri la granda laboro, kiun faris S-ro Schoofs, ni ne pli bone povas doni signifon al nia vizito, ol promesante al S-ino Schoofs, ke ni ĉiuj kune, — S-ro Kempeneers, reprezentanto de la Ligo kaj ĉiuj ni kunlaborantoj en « La Verda Stelo », — daŭrigos, kun nelacigebla kuraĝo, la laboron, kiun pionire ekkomencis Frans Schoofs.

« Tiu promeso estos tre certe por S-ino Schoofs, la plej bela signo de amikeco, kiun ni povas doni al la memoro de ŝia tro frue foririnta edzo. »

S-ro Jaumotte tiam, nome de « La Verda Stelo », metis belan florgarbon sur la tomban ŝtonon kaj, dum minuto, respekte haltstaris kaj salutis.

Ĉiuj poste pasis antaŭ la tombo kaj baldaŭ la ŝtono malaperis sub floramasego.

Kaj meze de la silento, ĉiuj baldaŭ forlasis la belan, sed funebran parkon.

---

estis tre kore akceptata ; plej afable ŝi dankis. Leciono sub gvidado de F-ino Thooris kaj kartludoj, lexicon kaj alia, sub tiu de S-ro Groothaert plenigis la programon de tiu bonega vespero, kie regis fervoro, lernemo kaj ĝojo.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».** — Dum la marta monato la kunvenoj okazis regule ĉiumerkrede en la lernejo, kiel kutime.

La nova kurso, gvidata de S-ro Deman bone funkcias kaj ĉiuj gelernantoj regule ĉeestas.

S-ro Edmond Lödör gvidas la perfektigan kurson, kiu bone progresadas.

La grupaj kunvenoj okazas sub la lerta gvidado de S-ino De Ryck, kiu uzas ĉiuspecajn rimedojn por agrabligi tiujn kunvenojn. Paroladoj, konkursoj kun belaj premioj, pri vortfarado, vortludoj, kantlecionoj, nenio mankas por interesigi la ĉeestantojn, kiuj tre ŝatas tiun gvidmanieron kaj estas tre dankaj al S ino De Ryck.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kvar delegitoj de Esperantistaj organizoj ĉeestis la Kongreson de la Junularo por la Paco, en Bruselo, la 2-an de Februaro. Sinjoro Jacobsohn faris konvinkan prelegon pri utileco de Esperanto.

## Familia Kroniko.

### KONDOLENCOJ.

S-ino Fr. Schoofs fratinon, S-ino Landerwijn (Antverpeno) kaj S-ino L. Van Wassenhove (Bruĝo) patrinon perdis per la morto de S-ino Verstappen-Van den Putte (Antverpenon la 2-3-36).

Al ili, kaj al iliaj parencoj niaj kondolencoj, same kiel al :

F-ino Cécile Vande Walle (Bruĝo) pro morto de ŝia patrino S-ino Vande Walle-De Cock (18-2-36).

S-ro Campe (Bruĝo) pro morto de lia bopatrino S-ino Meire-Vande Woestyne (28-2-36).

Funebroj

## D-RO WILLEM VANDERBIEST MORTIS

Nova bato trafis la Belgan Esperanto-movadon.

D-ro Willem Vanderbiest mortis la 13-an de Marto. La novajo kruele trafis tiujn, kiuj jam, per tutintima sciigo en kelkaj tagaj gazetoj, eksciis pri lia foriro kaj enterigo.

Ĉiuj, ni sciis, ke D-ro Vanderbiest, jam de longe, estis malsanega. En la lastaj jaroj, li permesis diversajn operaciojn, pri kiuj li mem sciis, ke ili nur iom kapablis daŭrigi jam forirantan vivon.

Antaŭ nelonge, li decidis forlasi la prezidantecon de la Brusela Grupo, ĉar li mem sentis, ke li ne plu iam povos sin dediĉi al tiu grupo, kiel li ĉiam volis fari, kiam li estis akceptinta oficon.

Kun Willem Vanderbiest forfalis denove unu el niaj malnovaj kunfondintoj de « Belga Ligo Esperantista ». Jam en la unuaj kajeroj de nia revuo, oni trovas lian nomon apud tiu de lia patro, S-ro Vanderbiest-Andelhof, la Prezidinto de « Belga Ligo ».

D-ro Vanderbiest ekkomencis labori en Antverpeno, kie li loĝis. Kvankam li regule ĉeestis la komitatajn kunsidojn kaj ĉiumaniere helpis al la propagando, li, en la Ligo, neniam plenumis iun difinitan funkcion.

Sed li multe laboris sur la beletristika kampo. De li aperis: « Amours Espérantistes — Vaudeville en 1 acte » (1910), « Kaatje » — 4-akta teatraĵo de Paul Spaak, belege tradukita (1910) ; « Ŝi ne legos ĝin », originala monologo (1909) ; « La Revuo de la Sepa, originala unu-akta revuo (1911) ; « La Amuzistoj », 4-akta teatrajo de Michel Zamacoïs, bonega traduko (1914) kaj « Bietje (Binjo) », 1-akta teatraĵeto de Maurits Sabbe, traduko, kiun ĉiu konas kaj ĝuis (1914).

Kiam estis starigita la L. K. K. por la 7-a Universala Kongreso, kiu okazis en 1911 en Antverpeno, lia patro prenis la prezidantecon kaj Willem iĝis sekretario-kasisto de la organiza komitato. Ĉiu povas imagi kion tio reprezentas. Se tiu Kongreso bonege sukcesis estis grandparte dank'al lia laboro. Estis dum tiu Kongreso, ke estis ludataj lia traduko de « Kaatje » kaj ankaŭ la revuo « de la Sepa ».

Dum la milito, D-ro Vanderbiest vojaĝis Anglujon, kie li multe helpis la belgajn elmigrintojn. Post la milito, li ankoraŭ dum multaj jaroj restis tie.

Post la morto de lia unua edzino, li tamen revenis Belgujon kaj de tiu momento li loĝis en la ĉefurbo, kie li forlasis la praktikon de la kuracarto por iĝi jurnalisto. Li, de diversaj jaroj, estis regula kunlaboranto de « Het Laatste Nieuws », kiu perdas, per lia morto, seriozan, zorgeman kaj kompetentan kunlaboranton.

Dank'al lia bonhumora, gaja karaktero, al la vere antaŭenpuŝa forto, kiu estis en li, li tuj estis adoptata de niaj bruselaj samideanoj, kiuj, — kiam li pro lia sanstato definitive devis rezigni sian funkcion de prezidanto, — donis al li la titolon de Honora Prezidanto.

La tuta belga Esperantistaro konservos pri li la plej bonan memoron de kunlaborinto, la memoron de fidela amiko.

Ni prezentas al lia vidvino kaj al liaj parencoj, la certigon de nia kora kunsento.

## DRO VAN MELCKEBEKE.

Antaŭ kelka tempo jam, mortis en Antverpeno D-ro Van Melckebeke, unu el la bonaj kunlaborintoj de la unua horo, en la belgaj rangoj.

Post la milito, D-ro Van Melckebeke tamen tute malinteresis sin pri la Esperanta movado, kaj eĉ forlasis la postenon de Lingva Komitatano kaj la membrecon de niaj diversaj organismoj.

Li estis kuneldoninto de « Paĝoj el la flandra Literaturo » kaj tradukis « Blinda Rozo », de Conscience.

La Belga Esperantistaro kun danko ĉiam repripensos pri tio, kion li iam faris por nia afero.

# Tra la Mondo.

*Pro la multaj novajoj kiuj ankoraŭ envenis je la lasta minuto, kaj kies aperigo en tiu ĉi numero estas dezirinda, (inter tiuj ne estas la plej malagrabla, la bela serio de anoncetoj, kiujn niaj amikoj el Bruĝo kolektis), ni decidis, ne presi, en tiu ĉi numero, la paĝon en flandra kaj franca lingvoj.*

*Kiel oni vidos en la ĉi subaj Esperanto-novajetoj, la antaŭa monato ne alportis al ni sufiĉe interesan materialon por pravigi la presadon de speciala bulteno, sendotan al ne-Esperantistoj.*

*Ni tamen atentigas pri la fakto, ke de la bulteno de Marto ni presis 300 ekzemplerojn pli, ol necese, por havigi al tiuj, kiuj ankoraŭ, dezirus kelkajn flugfoliojn okaze de iu festo aŭ propagando.*

*Pri tiuj folioj, ni diru, ke, estonte, la prezo estos pli malalta ol ĝis nun. La du unuaj spertoj permesas al ni tiun malpliatigon :*

| | |
|---|---|
| **100 ekzempleroj kostos** | **Fr. 15,—** |
| **50 ekzempleroj kostos** | **Fr. 8,—** |
| **25 ekzempleroj kostos** | **Fr. 5,—** |

*Ni dankas ĉiujn, kiuj bonvolis esprimi al ni, sian kontentecon pri la novaj propagandiloj. Ni aranĝis la ambaŭ unuajn laŭ du diversaj konceptoj. La interesuloj bonvolu informi nin, pri la formo, kiu havas ilian preferon.*

*En la monato de Majo denove aperos PROPAGANDA NUMERO kun multaj freŝaj kaj interesaj novajoj !*

*Iom antaŭ nia Kongreso, ĉiu volos posedi propagandan materialon !*

# La Gazetaro parolas...

**Redaktas : H. A. R. S.**

**Marista Ligo.**

Ni raportis pri la fondo de Marista Ligo Universala, kaj la sciigo ke ĝi aperigas jam bonan, tre interesan bultenon certe certigas pri ĝia seriozeco. La bulteno (jam aperis 5 numeroj) enhavas teknikajn detalojn de mondkonataj ŝipoj, la pristudon de faka terminaro k. t. p.

**Fondo de Nova Akademio.**

Dum la nacia kongreso estis fondata Esperanto-Akademio de Usono. Ĝi tute ne havos kiel rolon, aŭ eĉ nur intencon, kontraŭstari la Esperantan Akademion en Parizo ; ĝi nur kontrolos pli speciale la lingvoevoluon de Esp.-o en Usono.

**Esperanto ĉe samfakuloj.**

En Kopenhago 28 aŭtomobilkondukistoj partoprenis ekzamenon pri la scipovo de la lingvoj franca, angla kaj Esperanto.

**Stratnomo.**

En Bisheim (Bas-Rhin) oni estonte nomos unu straton : « Rue de l'espéranto ».

— **Ĝoju ni, Trinku ni...** La « Distilejo Van Zuylekom » en Amsterdam, produktas ĝinon kun la nomo « Oude Genever Esperanto ». (*Esperanto — U. E. A.*)

**Esperanto en Anglujo.**

Dum la pasinta jaro oni koncentrigis multajn propagand-

klopodojn por konvinki la instruadkompetentulojn kaj lernejestrojn pri la utilo, facileco kaj neceso de Esp-o. Entute oni faris provlecionon antaŭ 15.000 gelernantoj kaj 500 ge-instruistoj el 101 lernejoj kaj porinstruaj instituciojː la rezulto estis la disvendo de 6.000 lernolibroj, al la ĉeestintoj de unu el la provlecionoj.

**La internaciaj floraj ludoj.**

Ĉiujare dum la Kataluna esp-o-kongreso okazas la Internaciaj Floraj Ludoj, kiuj konsistas el literatura konkurso en kiu partoprenas esperantistoj el ĉiuj landoj.

Ĉi-jare ili okazos en Manresa-Katalunujo, de la 31-a de Majo ĝis la 2-a de Junio. Detalojn pri la konkursoj (kiujn povas partopreni kiu ajn literaturema samideano) sendos laŭ peto: Kataluna Esperantista Federacio ; C. Valencia 245, Barcelona Hispanujo.

**Londona Federacio Esperantista.**

En Londono fondiĝis federacio kiu grupigos ĉiujn Londonajn grupojn, ĉu fakajn, politikajn, tendencajn aŭ neŭtralajn, por komuna laborado por kaj per Esperanto.

**Esperanto en Germanujo.**

— Pro la oficiala forjeto de Esperanto el Germanujo, jam fluis multe da inko. Ankaŭ jam multe ŝanĝiĝis.

— Aperas nun regule Esperantogazeto : « Deutscher Esperanto-Bund », tute redaktita Germanlingve, tute en la signo de la reĝimo germanuja.

— Aliflanke Hitler faras gravan propagandan por la Olimpiaj Ludoj en Berlino (1936), PERE DE ESPERANTO ! — Informojn oni bonvole donas en Esperanto kaj dum la tuta Olimpiado Esperanto estos uzata en Informoficejo.

— **Esperanto en Japanujo.** — Ĉinaj studentoj en japanaj lernejoj en Tokio sukcesis organizi sian propran studrondon. La unua kurso konsistas el 15 lec. po du horoj. — Okaze de la 16-a Kongreso de Federacio de Virinaj Rondoj pledis S-ino Aisaka antaŭ 289 reprezentantoj por Esperanto.

**Esperanto en Nederlando.**

La Internacia Kongreso por Renovigo de l'Edukado kaj Instruado, kiu okazos en Utrecht, uzos Esperanton egalrajte apud la franca, angla, germana kaj nederlanda lingvoj. Ĉiuj paroladoj kaj debatoj estos tradukataj en Esperanton.

**El Finlando.**

En Helsinki fondiĝis nova faka Esp-o-grupo. La membraro konsistas el sepdek tramistoj. Ekzemplo por la aliaj landoj !

**El Svisujo.**

La firmo M. Schaerer S. A. el Bern, eldonis Esp-an prospekton pri siaj eldonajoj. Ĝi uzas ankaŭ Esp-on en sia korespondo.

**El Danujo.**

De la 3-a de Majo ĝis la 31-a de Julio en la Akademio « KORNMOD », Silkeborg, organiziĝas kursoj, kiujn gvidos diverslandaj profesoroj i. a. D-ro Privat, Collinson, Berendsohn, A. Weide, de Word, Engholm, k. t. p.

**Esperanto kaj taksiistoj.**

Pli kaj pli Esp.-o penetras la fakajn rondojn. Ĵus oni starigis en Londono klubon de esperantistaj taksiistoj kiuj regule kunvenas kaj daŭre praktikas nian lingvon. Ili jam revas pri taksiista ligo tutmonda !

**Esperanto en Grekujo.**

Ateno : en la diversaj mezlernejoj, 462 gelernantoj vizitas E-kursojn.

**Esperanto kaj « Wij ».**

La redakcio de « Wij », nederlanda ilustrita gazeto, kiu enhavas esp'-an paĝon kaj pro tio ricevis multajn poŝtaĵojn el la eksterlando, decidis al ĉiuj kiuj sendis antaŭ la 1-a de Majo bildkarton el sia lando, rekompenci per ilustrita karto pri Nederlando, kun esp.-a enskribo. — Tiu kiu sendos unue ricevos premie 25 guldenojn, kaj inter la aliaj sendintoj estos lotumata 5 guldenoj. Adreso : « Wij », Hekeveld, Amsterdam Nederlando.

# Esperanto facila

## La Logikeco de Esperanto

INSTRUANTO (*instrue*). Ni priparolos en tiu ĉi leciono la afiksojn **mal**, **bo**, **en**, kiuj apartenas al la plej facilaj. **Mal** montras la kontraŭan ideon, kiun enhavas la radiko, ekz. bona, malbona cigaro. Kiu konas aliajn ekzemplojn ?

STULT (*konvinke*). Malalumetskatoleto !

INSTR. (*korektante*). Kion ? Ha, mi komprenas vian eraron. **Mal** ne signifas « malbona » sed la **kontraŭon** !

STULT (*indiferente*). Nu, ĝi signifu do : bona alumetskatoleto. Mi preferas tian en mia kolekto.

INSTR. (*malespere*). Vi, S-ro Flam, montru ke vi komprenis mian klarigon.

FLAM (*brilokule*). Paco venkos malpacon, ĉar amo venkos malamon !

INSTR. (*daŭrige*). Bone ! **Bo** montras la proedzigan parencecon (frato, bofrato). **An** signifas la membron, la adepton aŭ la loĝanton. Ekzemploj ?

FLAM (*profunde*). La terano staras pli proksime al ni ol mia amatino...

STULT (*malice*). Mia bopatrino estas mia malano.

INSTR. (*funebre*). Kondolencojn, S-ro Stult ! Mi sentas, ke vi nun komprenas. Sed ĉu **ano** havas logikan kontraŭon ?

STULT (*fortatone*). Certe, S-ro Profesoro ! Mia bopatrino estas tute kontraŭa al mi !

INSTR. (*rapide*). Estas jam la naŭa. Skribu ankoraŭ la kutiman proverbon. (*Li diktas*). Eĉ en Parizo herbo ne fariĝas cerbo.

TYNEVERUM.

**Esperanto en Francujo.**

Dum la jaro 1936 la oficiala Turisma Oficejo de Boulogne-sur-Mer havos sekretarion, scipovantan Esp-on por doni ĉiujn informojn al la multaj samideanoj, kiuj vizitas aŭ trapasas Boulogne.

— La urba konsilantaro de Laon voĉdonis deziresprimon, por la instruo de Esp-o en ĉiuj lernejoj.

**Esperanto en AŬstrujo.**

— La granda libroeldonejo « Carinthia » en Klagenfurt uzas Esp-on. La direktoro de la tre konata entrepreno mem parolas Esperanton.

— La nombro de belaj gvidlibroj kaj gvidfaldfolioj pri Aŭstrujo denove pliiĝis je unu : « Groszglocknertransalpa ŝoseo », kun 14 ilustrajoj.

# Bibliografio

*FACILAJ ESPERANTAJ LEGAĴOJ kaj GVIDLIBRO POR EKZAMENOJ. — Ambaŭ de G. Waringhien. Eld: Franca Esperanto-Instituto. Prezo de ĉiu: 4 fr. fr.*

Du libretoj kiuj certe en Francujo faros sian vojon, la unuaj por novaj Esperantistoj al kiuj ĝi havigas serion da bone ordigitaj legaĵoj, kaj la dua por la pliperfektiĝintoj kiuj sin preparas por iuj ekzamenoj.

Belga Esp-o Instituto zorgis pri bona presado kaj papero; entute ankaŭ pri plaĉa aspekto.

# Radio

Ni ne jam sukcesis havigi al ni ĝustatempe la plenajn programojn de la Esperanto-dissendoj por la tuta proksima monato.

Ni tamen kun ĝojo atentigas la radio-amatorojn pri la eldono de la «Internacia S. O. S.-Bulteno» (Radio Klubo Esp. de Francujo, 26, Av. Dode de la Brunerie, Parizo) kiu enhavas tiujn programojn de la 16-a ĝis la 15-a de la sekvanta monato.





# Anoncetoj

TURNU VIN AL SAMIDEANAJ FIRMOJ:

**EN BRUĜO**

**Kelkaj utilaj informoj.**

*Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj. P. Ĉ. K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (Wilrijck-Antverpeno).*

*Por pagoj de kotizoj, loĝado, festeno kaj aliaj aranĝoj dum la jara Kongreso : P. Ĉ. K. 1119.10 en la kongresa urbo, nun La Louvière.*

*Por pagoj al U. E. A. : P. Ĉ. K. 4108.89 de la ĉefdelegito S-ro De Ketelaere (Speciala Numero), Antverpeno.*

*Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto : P. Ĉ. K. 1689.58, Antverpeno (Willemsstrato, 21).*

**Estraro de « Belga Ligo Esperantista ».**

Prezidanto : Dro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle. (Tel. 44.53.00).

Vicprezidanto : S-ro Léon Cogen, 52, Dreef, Ninove.

Vicprezidantino : F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat, R. de l'Outre Bruĝo. (Tel. 320.86).

Ĝenerala Sekretario : S-ro Henri Petiau, 60, St Lievenslaan, Brd. St Liévin, Gento.

Kasisto : S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno), (Tel. 777.38).

Ĉefdelegito de U.E.A. : S-ro Morris De Ketelaere, 25, Oostenstraat, Antverpeno. (Tel. 962.46).

La Ligestraro estas krome helpata de du sekretarioj : S-ro Charles Poupeye, 44, Ŝoseo de Blankenberghe, Bruĝo kaj S-ro René Dechesne, 38, rue de la Meuse, Lieĝo.

**Grupaj Delegitoj :**

« Verda Stelo » (Antverpeno) : S-roj A. Faes, 16I, Schoenmarkt, Antv., kaj H. Boffejon, 23, Gladiolastr., Wilryck.

« Bruĝa Grupo » : F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat, Rue de l'Outre, Bruĝo kaj Sro Ch. Poupeye, 44, Ŝoseo de Blankenberghe, Bruĝo.

« Brusela Grupo » : D-ro P. Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle, kaj F-ino S. Obozinski, 364, Avenuo Brugmann, Uccle.

« Genta Grupo » : S-ro Henri Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gento, kaj S-ro G. Vandevelde, 230, Zwarteheirestraat, Gentbrugge.

« La Louvière Grupo » : S-ro André Tassin, 1, rue St. Joseph, La Louvière.

Lieĝa S. P. E. : S-ro René Dechesne, 38, rue de la Meuse. Sclessin ; S-ro J. Bissot, 72, rue de Trazegnies, Sclessin, kaj F-ino Léontine Baiwir 72, rue des Grands Prés. Chênée.

Nieuwpoort' a Grupo: S-ro L. Braet, 6, Langstr., Nieuwpoort.

Haselta Grupo : S-ro Prosper Van Genechten Placo Leopold, Hasselt.



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.